41 Num. Madrido - Junio - 1920 IV Jaro.




ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„



S-RO ROMULO ROCAMORA
Advokato kaj Nacia Instruisto. Prezidanto de la Barcelona Grupo «Fajro», kiu entreprenis «Udkeilon»

# "VOLI ESTAS POVI„

Iam aperis sur pagoj de ĉi tiu revuo artikolo tiel titolita, kiel diras tre antikva proverbo hispana, kaj per tiu artikolo oni citis la sukceson de iuj tre obstinaj memvolemuloj, kaj oni rimarkigis ke memvolemeco, ke persistemo, estas komuna virto al ĉiuj usonanoj, kaj ke tial oni nomas tian virton *usona energio*. Bone mi konscias, ke ĉe ni ne estal tiel ofta, tiel komuna, tia virto, super ĉio inter la hispanoj neniam forlasintaj la patrujon, ĉar inter la forlasintoj okazas sufiĉe male; tamen, estas ĉe ni sufiĉaj ekzemploj pri imitindaj vivoj, kaj tial mi plen plezure pritraktos per la jenaj linioj, kvankam rapide, unu el tiu laŭdindaj kaj imitindaj vivoj.

En Villanueva de la Serena (Badajoz), naskiĝis je 1855 Jozefo Gallardo, el tre humilega familio, tiel humila, ke li de sia infaneco estis devigata labori, kiel eĉ hodiaŭ okazas ĉe la humiluloj en ĉi tiu regiono hispana, kaj tial li ne povis lerni legi kaj skribi dum sia infaneco kaj knabeco, ĉiam partoprenante ĉiajn manlaborojn por atingi la necesajn vivrimedojn. Per fera memvolemo kaj eksterordinara talento li decidis sendependiĝi kaj krei al si plej bonan staton, kaj post grandaj penadoj li lernis legi kaj skribi kaj li fariĝis, je 1880 proksimume, sapfabrikisto. Li starigis simplan fabrikejon en sia hejmo per malgranda kaldronego kaj ekfabrikis sapon el potaso; li mem vojaĝis kaj portis sian fabrikaĵon por ĝin vendi en la apudaj vilaĝoj kaj urboj. Tre honora kaj bonanima li fabrikis sian sapon tre bona de la komenco kaj la sukceso estis despli, granda ju pli li vizitis vilaĝojn kaj urbojn proponante sian sapon. Tial, malmulte da jaroj poste, li vastigis la negocon, ampleksigis kaj plibonigis la fabrikejon, kaj ekfabrikis plej bonan klason atinginte tiam produkti 1000 kilogramojn ĉiutage. Mi devas rimarkigi ke liaj penadoj estis grandegaj, ĉar tiam li jam estis kreinta sian familion, sed ĉi tio, anstataŭ baro al liaj planoj, estis incitilo deviganta lin pensi pri plej vasta kaj perfekta fabrikado. Pro tio, je 1887, li aĉetis terporcion apud la stacidomo.

Ĉiam des pli sperta kaj nelacigeble laborema, je 1897, li muntis specialan maŝinaron por tranĉi kaj reliefmarkigi siajn produktaĵojn; aperigante siajn sapojn kun speciala marko, kaj de tiu momento, la sukceso estis pli kaj pli granda, tial ke la publiko preferis la sapon «Gallardo» kaj jam perfekte povis ĝin rekoni per la marko neebliganta la anstataŭon per alia sapo.

Je 1911, sur 15.000 kvadrataj metroj el la terporcio aĉetita, li starigis du fabrikojn, la nunajn: unu por fabriki diversajn sapojn, la alian por produkti krudan glicerinon. Ambaŭ fabrikoj konsistas el dek pavilonoj.

Li venkis grandan malfacilaĵon kiam tiel vaste li starigis la fabrikadon, ĉar la akvo necesa por tiu ĉi industrio ne estis atingebla en Villanueva de la Serena, kaj en la regiono ne estas abunda. Tial li esploris la ĉirkaŭaĵojn, kaj li sukcesis trovinte abundan fonton je kvin kilometroj malproksime de la urbeto, kaj tuj alvenigis abunde la akvon al la fabriko.

Ankaŭ en Villanueva del Arzobispo (Jaén) li starigis industriejon por fabriki oleojn el olivo, ankaŭ el restaĵoj de vinberoj utiligitaj por fabrikado de vinoj, karbonan sulfuron kaj sapojn. Nune oni celas efektivigi la projektojn liajn por atingi delikatajn olivoleojn por la eksportado, kaj distilitajn kaj krudajn glicerinojn. Nun, multeokaze, malgraŭ la fabrikoj produktas 20.000 kilogramojn da sapo, oni ne povas provizi ĉiujn komercistojn.

Ĉi tiu viro, honoro de nia lando, vojaĝis al eksterlando por alproprigi al si ĉion pri perfekteco koncernanta sapindustrion, kaj edukis siajn gefilojn por ke ili estu fidelaj daŭrigantoj lian celon; li transdonis al ili sian laboremecon kaj ĉiajn siajn estimindajn kvalitojn. El la tri filoj, ĉiuj talentaj kaj spertaj, unu estas kvazaŭ administranto, alia ĥemia inĝeniero, alia meĥanika inĝe-

niero; la filinoj kunlaboras en la oficejo, por kio li ameme kaj tre zorgeme edukis ilin.

Neniam li forgesis sian humilan devenon; male, fiera je ĝi li estis, kaj pro tio, tial ke li multe suferis, ĉiam li pensis pri la plibonigo de sia laboristaro; ĉiam li atentis ameme kaj sindoneme por faciligi, plibonigi kaj agrabligi la vivon de siaj laboristoj, kaj, inter la plibonigoj, estas atentinda la kooperativo al kiu aĉetas la laboristoj necesaĵojn po prezo pli malkara ol tiu kiu kostis, ĉar diferencon pagas la mastro. En tiu industriejo ĉiuj sin kondutas kiel kamaradoj estimantaj sin reciproke.

Antaŭ nemulte, ĉi tiu granda hispano, mi diras granda, ĉar mi, fidela je «per iliaj agoj ci ilin konos», havas fundamenton por tiel kvalifiki lin, ĉar li faris dum multaj *grandulaĉoj* malfarantaj ricevis kaj ricevos honorojn; ĉi tiu granda hispano mortis pro aŭtomovila akcidento. Li meritis trankvilan morton ĉirkaŭata de sia familio, sed la nekomprenebla Fatalo ĉiam nekompatema vundis terure lian familion. Li mortis amata eterne de siaj karuloj, amata kaj benata eterne de siaj laboristoj kaj samlandanoj, kaj lia spirito eterne flugos ligante la korojn kaj la cerbojn de liaj posteuloj al la laboro kaj al la progreso. Se multaj imitus ĉi tiun mortinton, nia amata Hispanujo baldaŭ estus ĉe la unua vico inter la nacioj!

Liaj gefiloj, indaj je tia patro, daŭrigas la vojon montritan de la patro, kaj kiel hispanoj ni fieriĝu pro tia vivo imitinda, kiel esperantistoj ankaŭ fieriĝu, ĉar li donis al ni entuziasman kaj kleran pioniron, kies doloron, kiel tiun de la patrino kaj gefratoj liaj, ni partoprenas.



---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

# La foriro de l' soldato

De la urbo malaperas la trankvilo;
ne aŭdiĝas same gaja birda trilo;
sun' jam ne heligas per antaŭa brilo;
nigra nubo pasas!

Ĉiuj homoj svarmas, bruas sur areno;
en grupetoj ronde kaptas —laŭ kateno—
la soldatojn. Ilin volas sen deteno,
ilin ne forlasas!

Kapklinita fianĉino kaŝas ploron,
timas por esprimi veran la doloron;
sed fianĉo ĉirkaupremas sur la koron
ŝian bruston ĉastan!

Maljunulo de la plej maljuna aĝo,
mantremanta, enpremita la domaĝo,
venis ankaŭ diri, kun tro malkuraĝo,
adiaŭon lastan!

Panjo milda, laŭ kutimo readmonas
filon pri bonfaro, kvankam ŝi jam konas
malbonajojn de l' homoj, kaj rezonas
pri milita aĝo!

El georfoj, el gefiloj de Mario,
ankaŭ unu foras de la familio;
ne sufiĉis la gepatroj, pro la Dio!
Jen terura pago!

Jen avino neĝa kapo, kiu ĝemas,
sian nepon kisas kaj sur koron premas,
dum la patro gestas, krias kaj blasfemas
kontraŭ la malsorto!

Oni perdas filon, amon, ĝojon, ĝuon;
oni vidas familian la detruon;
oni juĝas de l' reveno la malfruon...
pensante pri l' morto!

—Ĉu baldaŭ—oni murmuras—pro l' Fatalo
la karuloj frakasiĝos en batalo?
—Ĉu la urbo, ĉu la lando en disfalo
venos en la fino?!

—Ĉu ni viroj—oni krias—ne rivelas?
—Kial ni permesi kion iu celas?
—La hejmojn niajn per teruro ŝancelas,
jetas al ruino!

—Kies la ordono? Kies tiu volo?
—Kie por patrinoj estos la konsolo?
—Kial maljunuloj restos en izolo?
—Kial almiliti?!

—Kial por la patroj tiuj ĉi postuloj?
—Kial oferiĝi tiel la karuloj?
—Kial vidi morton antaŭ la okuloj
kaj ne ĝin eviti?!

.........................................

.........................................

La trumpetoj sonas, sonas en aeron;
en la koroj oni sentas la suferon;
la karuloj nepre lasas la pacteron.
Paŝas la soldato!

La trumpetoj ree vokas al foriro,
kaj soldatoj kuras kontraŭ la deziro;
la domamoj ilin premas per deliro,
per fortega bato!

Faj iloj sonas! Jen la lasta momento!
Helicoj funkcias!... Kriojn portas vento!...
Glitas la ŝipegoj!... Glitas en silento!...
Fumon... ŝaumon lasas!...

De la urbo malaperas la trankvilo;
ne aŭdiĝas same gaja birda trilo;
sun' jam ne heligas per antaŭa brilo;
nigra nubo pasas!!!

*Valetín Alavedra*

---

# VENENAJ TRINKAĴOJ

Grandaj spacoj da tero, sufiĉaj por subteni milojn da mizeraj familioj, estas dediĉataj por kulturi tabakon, vinberejon, hordeon, avenon kaj terpomon, por fakriki el ili alkoholhavajn trinkaĵojn: vinon, bieron, brandon.

Milionoj da laboristoj, kiuj povus fabriki utilajn objektojn, sin dediĉas al farado de tiuj trinkaĵoj. Oni kalkulis ke en Anglujo, la branda kaj biera industrio okupas la dekonon de l' laboristaro.

Kiaj estas la sekvoj de l' preparado kaj uzado de l' vino, brando kaj biero?

Laŭ legendo, ia monaĥo vetis kun la diablo ke li malebligos al li eniri en sian monaĥan ĉambreton. La diablo prenis formon de korvo kaj sin prezentis ĉe la pordo vundite kaj kun la flugilo sangmakulata kaj rompita, kriante pro doloro. La monaĥo kompatis ĝin kaj enirigis al ĝi en la ĉambreton, sed tiam la diablo reprenis sian kutiman formon, kaj, gajninte la veton, proponis al monaĥo la elekton de unu el tri pekojn: asasino, adulto aŭ drinkado. La monaĥo elektis la drinkadon supozante ke tiamaniere li nur domaĝos al si mem. Sed drinkinte. li iris en la urbon, adultis kun edzino kaj, surprizite, mortigis la edzon.

Jen la sekvoj de l' drinkado. Malofte okazas ke rabisto aŭ asasinulo ŝtelu aŭ mortigu ne drinkinte. La statistikoj pruvas ke naŭ dekonoj de la krimoj estas farataj de drinkantoj. Plejbona pruvo de tio estas ke en kelkaj ŝtatoj de Usono, kie oni tute malpermesas la vendon de likvoroj, preskaŭ ne estas krimoj nek ŝteloj kaj la malliberejoj estas malplenaj. Jen la unua sekvo de l' drinkado.

La dua estas la domaĝa efiko de l' alkoholo sur la sano. Krom la malsanoj specialaj de l' drinkuloj, teruraj malsanoj kiuj pereigas milojn da homoj, oni notis ke la alkoholigitoj malsanaj je komuna malsano estas pli malfacile resanigotaj; tial la asekuraj kompanioj pagas pli por la vivo de tiu, kiuj ne uzas alkoholaĵojn.

La tria kaj plej terura estas la neniigo de l' prudento kaj de l' konscienco. Per la vino la homoj iĝas pli malĝentilaj, pli malsaĝaj, pli malbonaj.

Kaj kia utileco havas la uzadon de tiaj trinkaĵoj? Nenia.

La pledantoj de l' brando, de la vino, de la biero certigas ke tiuj trinkaĵoj liveras



VOJETO AL ANTIKVA MONAĤEJO
SAN JUAN DE LA PEÑA (SANKTA JOHANO DE LA ŜTONO)

sanon, forton, varmon kaj gajecon, sed tio estas granda eraro, laŭ oni ja pruvis.

Ili ne liveras sanon, tial ke ili enhavas tre aktivan venenon: la alkoholon, kaj la uzado de tiu veneno devas esti nepre malutila.

Ili ne liveras forton. Oni komparis kelkafoje la laboron faritan dum monatoj eĉ jaroj, de laboristo drinkanto kaj tiu de nedrinkanto. Ĉiam la lasta estis produktinta pli kaj plibone ol la unua. Sammaniere en roto, estas pli da soldatej lacigitaj ĉe tiuj kiuj trinkas brandon ol ĉe tiuj, kiuj ne trinkas tion.

Oni ja pruvis ankaŭ ke brando ne liveras varmon, ĉar la varmo de ĝi produktita estas mallongedaŭra kaj ke la homo, post momento de ekscitado, plisuferas pro l' malvarmo. Drinkisto trapasas pli pene malvarmegan vintron. La rusaj vilaĝanoj mortas pro malvarmo, tial ke ili drinkas brandon.

La gajeco kaŭzita de l' vino ne estas la vera, la gajeco de l' sano. Por scii tion, kio estas la gajeco de l' drinkuloj, sufiĉas rigardi tion, kio okazas en ia ajn urba drinkejo aŭ kampa festeno. Tiu gajeco finas ofte per insultoj, bataletoj, vundigoj, kaj ĉiuspecaj krimoj, kaj la neniigo de la homa indeco.

Unuvorte, alkoholo ne liveras sanon, forton, varmon nek gajecon; ĝi kaŭzas nur malbonon. Sekve, ŝajnas ke ĉiu prudenta homo devus ne nur ne drinki alkoholon, sed ankaŭ klopodi tiom multe kiel eble por malhelpi al aliaj la drinkadon.

Malfeliĉe okazas la malo. La homoj estas tiel ligitaj al malnovaj kutimoj, forlasas ilin tiel malfacile ke multaj homoj saĝaj kaj bonaj ankoraŭ nune, anstataŭ forlasi la drinkaĵojn, kaj ne proponi ilin plu, ili pledas ilin kiel ili povas.

«Ne estas malutila la uzo, sed la trouzo. La reĝo Davido ja diras: vino gajigas homan koron. Kristo benis la vinon kiam la edziĝo de Kanaan. Se oni ne drinkus, la ŝtatestroj ne enspezus granđparte el la impostoj. Estas neeble festeni bapton, geedziĝon, feston sen vino. Kiel ne trinki okaze de vendo, de aĉeto, de vizito de amiko?»

«Pro nia trolabora, mizera vivo estas necese drinki», diras la malriĉa laboristo.

«Drinku ni nur malofte kaj ne troe, kaj ni domaĝos neniun», diras la riĉuloj.

«Drinki, jen la gloro de Rusujo» diris la princo Vladimiro.

«Tio domaĝas neniun, krom ni mem. Ni ne volas korekti la aliajn, nek esti korektitaj. Ni ne estas la unuaj nek estos la lastaj» diras la frivoluloj.

Tiel parolas la drinkistoj de ĉiuj aĝoj kaj klasoj por justigi sin. Sed tiuj argumentoj, kiuj antaŭ tridek aŭ kvardek jaroj povus esti diskutindaj, hodiaŭ estas neatenteblaj. Ili ŝajnis pravaj kiam oni kredis ke la alkoholaĵoj ne estis danĝeraj, ke ili liveris sanon kaj forton, kiam oni ne sciis ke alkoholo estas veneno, kiam oni ne konis la terurajn efikojn de l' drinkado, tiel evidentaj hodiaŭ.

Oni povis argumenti tiel kiam ne estis ankoraŭ centoj eĉ miloj da junuloj mortantaj kun terura suferado pro tio ke ili kutimiĝis al drinkado kaj ne povas malkutimiĝi. Oni povis diri ke la vino ne estis malutila, kiam oni ne vidis centojn eĉ milojn da virinoj kaj infanoj malsataj, tial ke iliaj edzoj kaj patroj kutimis drinki. Oni povis diri tion, kiam oni ne estis vidintaj centojn kaj millojn da krimuloj en malliberejoj, kaj iliaj edzinoj iĝintaj prostitulinoj kaŭze de l' vino. Oni povis diri tion kiam oni ne konis centtojn kaj milojn da homoj, kiuj povis esti feliĉaj kaj feliĉigi aliajn, sed ili perdis sian forton, sian saĝon kaj sian spiriton, tial ke estas alkoholaĵoj kaj ili cedis al tento.

Tial oni ne povas diri nune ke la uzo de l' alkoholo estas privata afero, ke ĝi ne domaĝas kiam oni ne trouzas ĝian trinkadon, ke ĉiu estas libera por ĝin uzi kaj neniu rajtas enmiksi en tiun aferon, k. t. p. «Ne, ĝi ne estas privata sed socia afero».

Vole-nevole, la homoj estas dividataj laŭ du bandoj: unuj batalas kontraŭ la malutila uzado de veneno, kaj la aliaj per la parolo kaj la agado iĝas ĝiaj pledantoj.

Oni batalas pro tio ĉie, kaj precipe en Rusujo de antaŭ dudek jaroj.

*Leo Tolstoi*



ANTIKVA MONAĤEJO SAN JUAN DE LA PEÑA

# ŜI FORGESITA!

Kial mi sentis grandan scivolemon
kaj deziris la Mondon tutan koni?
Ke la voj' estas longa mi ne sciis;
mi ne sciis ke ĝi estas laciga!
Mi petadis gvidiston, kaj mi trafis
ĉar la semon' aŭskultis mian vokon.
Ha kia gaja estis la komenco!
kun kia facileco mi marŝadis!...
Kion mi rigardadis kaj mi vidis?
Sed mi ĉion ne tute rememoras.
Mi vidis marojn, montojn kaj kamparojn,
kaj urbojn kaj urbetojn kaj vilaĝojn,
palacojn kaj barakojn kaj dometojn.
Tie ĉi grandan personaron bruan
kaj tie kelkajn izolitajn homojn.
Estas, en tiu voj' ĝoj' kaj feliĉo
sed ankaŭ malfeliĉo kaj doloro,
kaj avaraj riĉuloj, kaj tre ofte
vantaj honorigitaj malsaĝuloj;
sed estas ankaŭ multaj sciencaj viroj
pri kiuj la ceteraj ne atentas,
kaj estas malriĉuloj kiuj ploras
kaj estas malsanuloj kiuj krias!
En miksaĵo de lukso kaj ĉifono
estas la malestimo kaj malamo,
l' egoismo, l' envio, la suspekto,
ambicio, malvirto, rabo, trompo,
hipokritec', kaŝemo kaj perfido;
batalado senĉesa kaj kruela!
Inter la fumo, polvo kaj bruego
mi didis la falegojn de la tronoj,
mi vidis la naskiĝon de nacioj,
de pasioj, ideoj, interesoj.
Ho! kia konfuzego malagrabla!
Kial mi ne forlasis mian vojon
en la komenco flora kaj feliĉa!
Kial mi tutan vojon volis vidi
kaj mi petis insiste kondukiston!
Laca pro mia ne mallonga vojo,
de l' veter' la vizaĝ' malbeligita,
blankigitaj la haroj de la polvo
ne malproksime mi vidas la finon.
Jam kun ruza rideto malagrabla
al mi sin turnis la demon' kaj diris:
«Ĉion vi vidis; nun mi forveturas.»
Kaj mi al li: «Tiun malluman groton
mi ne vizitis; mi tion deziras»
Kaj la demon': «Mi tien ne eniros;
eniru sola ĉar mi vin forlasas...
eble ĝis la revido.» Gi foriris.
Nigra, profunda la kaverno estis
sed en la fundo brilis hela lumo
kaj meze sidis bela simpatia
kaj gracia virino kiu montris
vizaĝon resignitan, ne kontentan.
Tute senmove ŝi min rigardadis
kun mieno serena krj trankvila,
inda, honesta, dolĉa kaj bonvola
tamen melankolia kaj malgaja.
Respekte kaj humile mi demandis
dum mia kor' batadis simpatie:
«Kiu vi estas? Honorinda, bela,
tamen pro malestimo forgesita!
Kiu vi estas? Diru!» «La Justeco!»

*Rafael de San Millán*

---

Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭa sendo de kotizaĵoj al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn*** JACA (Huesca) *Hispanio. Oni akceptas respondkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn poŝtgire.* VARBU SUBTENANTOJN.

---

## Ne perdu esperon

Iam mi vivis en plena malhelo!
Ĉar konstante la ĉagren' min altiris,
Tro el la viv' estis al mi kruelo;
Tial, ofte dolore mi sopiris
Direktante okulojn al ĉielo,
Ĉar malfeliĉ' en min malsupreniris
De la min gvidanta fatala stelo:
«Ĉu estos paco al mi?» mi min diris.
Viv' estis al mi kvazaŭ *larmavalo*,
Sed ĉiam kun esper' alveni horo
Kiam tute nepre ĉesos Fatalo,
Kaj feliĉ' estos al la mia koro.

..........................................

Tagon, ŝanĝiĝis la ombra vualo
Min ĉirkaŭanta je brilega oro.

*J. J. Franco.*



ANTIKVA ARKARO DE LA MONAĤEJO

# San Juan de la Peña

## (SANKTA JOHANO DE LA ŜTONO)

### TRADICIO

Je la komenco de la VIII.ª jarcento, kiam la maŭroj invadis Hispanujon, loĝadis en Zaragozo du fratoj nomataj *Voto* kaj *Felikso*, altrangaj kavaliroj junaj, famaj pro siaj riĉajoj kaj pli ankoraŭ pro siaj virtoj. *Voto* tre amis la ĉasadon. Tagon, persekutanta cervon, ĉe la ĉirkaŭajoj de *Jaca*, li alvenas al kruta monto kies supro estas vasta ebenajo; li daŭrigas la persekutadon en la limon de l' monto kaj en kiu la cervo malaperas subite dum lia ĉevalo akcelas la galopadon; sed jen ĝi ĉe roktranĉajo al granda abismo, kaj ekpereonta *Voto* alvokas Sanktan Johanon, la Baptinton, je sia savo li alvokas la sanktulon kun granda fervoro, kaj pro miriganta kaŭzo, mirakle, la ĉevalo restas altenata de siaj postaj hufoj ĉe la abismobordo kvazaŭ starante du piede. La junulo saltas teren kaj falas genuen, preĝante longtempe. Deziranta *Voto* konscii plene pri la danĝero el kiu lin savis la sanktulo, li eltranĉas per sia spado la branĉaron kiu malpermesas al li antaŭeniri flanken. Vojo de sovaĝaj bestoj aperas antaŭ li, post kelke da tempo, sur ĝi piediras ĝis fonto ŝprucanta el piedo de altega vertikaltranĉita ŝtonego kaj proksima je la eniro de mistera groto. *Voto* rigardas de la fundo la abismon kaj rimarkante la frakasitan korpon de la cervo, li ektremas. La junulo eniras en la groton kaj tute miras ĉar simplan altaron li vidas kaj plenĝoje aliras al ĝi, sed tiam li rimarkas viron kuŝantan planken ŝajne mortinton kiu impresigas lin terure; tamen, post preĝo al Eternulo, li rimarkas la vizaĝon de la kuŝanto, plena je trankvilo, elmontranta eĉ ĝuon nedifineblan, kaj ĉio ĉi tio altiras lin, li alproksimiĝas, levas la kapon de la venerinda maljunulo kaj sur la ŝtono, kiu estis kvazaŭ kapkuseno por la maljunulo, li legas gravurajon dirantan:

«Mi, Johano de Atarés, estas la fondinto ĉi tiun preĝejon kaj ĝia unua loĝanto, mi ĝin dediĉis al Sankta Johano Baptinta. Mi vivadis longedaŭre en ĉi tiu izolejo kaj nun mi ripozas ĉe la Eternulo. Amen.»

*Voto* kredas esti aŭskultanta voĉon el ĉielo konsilantan lin imiti la vivon de la mortinto. Li mem enterigas la venerindulon kaj tuj reiras al Zaragozo; alveninta li rakontas al sia frato la miraklon kaj ambaŭ fratoj liberigintaj siajn sklavojn kaj disdonintaj siajn riĉajojn al malfeliĉuloj iras rifuĝi en la ermitejon.

La tradicio jesas ke la demonoj konstante tentis la fratojn, sed ĉi tiuj venkis ĉiam kaj la sankteco kaj scieco de la asketoj disvastiĝis de monto al monto kaj el ĉie alkuris al ili por peti konsilojn multenombraj personoj, kaj la groto estis rifuĝejo por la kristanoj forkurantaj el mahometana krueleco.

Tagon, tricent viroj sin prezentis al ili, palaj, nudaj preskaŭ ĉiuj, elmontrantaj sur siaj vizaĝoj la malfeliĉon, kaj sur siaj haŭtoj multenombrajn cikatrojn; ili estis forkurantaj el la supro de la ŝtonego sur kies supro preskaŭ plata, vasta kaj apenaŭ suprenirebla iam ili fondis la urbon *Pano'n*, kvazaŭ rifuĝejo; sed la kalifo *Muza*, la ruza mahometano, sciis la rifuĝejon, kaj la kruela *Ayud* surprizis *Pano'n*.

El la groto de Sankta Johano eliris la kuraĝaj kristanoj kiuj ekrealmilitis la preskaŭinsulon hispanan. Tuj la kuraĝuloj svingis heroe la armilojn, komandis ilin, pro konsilo de la asketoj, *Garci-Jiménez*, kies deveno ne estis tre nobela sed kies energio estis konstante elpruvita por fidi je li. Ili invadis la valojn kaj rapide venkis kaj revenkis la mahometanojn.

*Voto* kaj *Felikso* mortis maljunaj kaj sanktaj; ilin imitis multenombraj. Iujn jarojn poste, la reĝo Fortun-Garcés fondis preĝejon sur la ermito mem, kaj je 1023, *Paterno*, franca monaĥo, donis al asketoj de Sankta Johano la regularon de la monaĥoj de *Cluni*, tiun de *Sankta Benito*.

*Julio Mangada Rosenörn*

# PRITEMPA TAGIĜO

En tuta la valo regadas silento;
Steletoj ankoraŭ briletas en ĉiel';
Ameme, dolĉete, blovetas la vento
Kaj la tago venadas al la sia cel'



Jen tago la juna! Regadi sopiris;
Vojaĝas rapide malgrandaj nubetoj;
Freŝeco matena ornami deziris
La verdajn kreskajojn per rosaj gutetoj.



Disŝiras la suno la nuban kurtenon
Kaj sendas radiojn kvazaŭ fajro el or'.
La birdoj kantante salutas l' alvenon
De la nova tago, el ĉarmega kolor'.



Jasmenoj kaj rozoj parfumas l' aeron,
Kaj ĉio estas ĝojo en la ĉirkaŭaj';
Suno ornamanta varmigas la teron:
Printempo estas plena je belornamaj'.



Florajn parfumojn la vento alblovanta,
Kaj kantoj plej belaj de birdo en arbar',
Saluto ĝi estas tagon bonvenanta
Kaj sunon, la reĝon de la tuta astrar'.

*Manuel Elezcano*

Bilbao.

# D-ro Rudolfo Rajczy

Morto daŭrigas svingante la falĉilegon kontraŭ la Esperantistaro; jus ankaŭ ĝi forrabis al ni laboreman, spertan kaj sindoneman Rudolfon Rajczy, la nelacigeblan pioniron hungaran. Kiu li estis? Apostolo, kvankam juna, pri ĉiuj homamaj idealoj; unu el niaj sanktuloj, unu el niaj martiroj, ĉar kiel sekvo pro alta ofico ĉe la antialkohola sekcio de la falinta respublika registaro hungara, oni enkarcerigis lin, kaj kian juĝis lin senkulpa kaj lin liberigis jam pulmomalsano estis kaptinta kaj fine mortiginta lin, kiam li estis *tridektrijara!*

Mi havis la plezuron, la grandan ĝojon, koni lin persone kaj enamikiĝi kun li dum la IX.ª en Berno, kaj baldaŭ ni interfratiĝis plene. Multfoje dum la terura milito pasinta kaj revolucioj hungaraj, mia pensoiris en lin kun espero pri pli bona sorto, ol li havis.

Li batalis entuziasme kun sukceso por socialismo, vegetarismo kaj antialkoholismo kaj tamen, dum la imperia regado estis tre ŝatata oficisto ĉe la hungaraj ŝtatfervojoj.

Li naskiĝis en *Debreczen* je 1886. Li estis la plej malnova membro de Hungarlanda Esperantista Laborista Societo kaj honormembro de la hungara Propaganda Komitato de la Lingvo Internacia.

Je la nomo de la hispana Esperantistaro mi sendas la profundan koresprimon pri nia doloro al la familio kaj al la hungara samideanaro.

*Julio Mangada Rosenörn*

# Esperanto kaj Skoltoj

Skoltoj (Boy-skouts) estas organizaĵo fondita en Anglujo je 1908 kaj disvastigita en ĉiujn landojn civilizitajn. Konsistas la organizaĵo el knaboj gvidataj de maturaĝuloj spertaj, saĝaj bonanimaj; ili praktikas ĉiajn utilaĵojn por atingi perfektan edukadon, por sin nobligi kaj fortigi siajn korpojn kaj spiritojn, kaj marŝi ĉiam sur firma vojo konscienca al homa perfekteco.

En Hispanujo apartenas al tiu ĉi organizaĵo pli ol 30.000 skoltoj kaj 1700 skoltestroj en 300 urboj kaj urbetoj proksimume.

La leĝaro estas sama en ĉiuj landoj kaj unu el la ordonoj diras: «Skolto estas amiko por ĉiuj, kaj konsideras aliajn skoltojn fratoj sen diferenco pro rango».

Estas insignoj specialaj montrantaj sur la

skoltoj specialajn konstatitajn kapablecojn, kaj una el la plej gravaj insignoj estas tiu da interpretisto, atingebla pere de Esperanto ankaŭ tial ke hispana skoltaro akceptis Esperanton por interrilatoj kun fremdaj skoltoj.

Mi opinias ke la antaŭaj linioj sufiĉas por ke la esperantistoj komprenos la gravecon de la skolta movado, kaj la skoltoj tiun de Esperanto, ĉar al ambaŭ estas komuna sento interfratiga; tial esperantistoj kaj skoltoj devas helpi sin reciproke. Por montri al vi klare la aferon jen kion diras al mi ĉeĥoslovaka skoltestro: «Mi estis surprizata kiam mi ricevis vian sendajon. Plene al mi nekonata homo vi, tiel kompleza, vin turnis kaj tuj mi respondas. Via sendaĵo okazigis grandan tumulton inter niaj skoltoj. Ĉiuj nun volas lerni nian karan lingvon por povi interrilati kun skoltoj de l' diversaj nacioj. Mi fondos en Praha la sekcion de S. E. L. (Skolta Esperanta Ligo). El tuta respubliko sin turnas al mi skoltoj petante informojn pri Esperanto. Mi esperas, ke baldaŭ ni havos grandan aktivecon. Se vi konas iujn skoltojn esperantistajn kiuj volas korespondadi, sendu al mi iliajn adresojn».

*Miguel Rivas de Pina*

Artileria Komandanto. Huesca (Hispanujo).



# Grava akiro de Esperanto

La gravega komerca revuo angla «The Outfitter», publikigas per sia marta numero «specialan raporton el la ĉefaj fabriko-centroj». Ĉi tiu raporto aperas samtempe angle, france, hispane, portugale kaj germane.

Rimarkinde estas ke la teksto esperanta aperas sen supersignitaj literoj, certe ĉar la presejo en kiu oni kompostas ĝin ne havas la esperantajn supersignitajn literojn, sed la apero de la esperanta teksto tiel pruvas plej grandan intereson, tial ke akiro de necesaj esperantaj literoj estus prokrastinta aperon de la grava revuo.

La adreso de «The Outfitter» estas:

5 and 7, Moor Lane. London. E. C. 2, kaj estas konvene ke la Esperantistoj konigu al komercistoj kaj industriistoj la fakton kaj donu al ili la adreson, ĉar tiel oni faras gravan propagandon, ĉar la afero estas imitinda.

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Barcelona.**—La 1.an de Majo okazis ĉe la Societo Paco kaj Amo parolado de S-ro J. Roig pri la temo «La homo, socio kaj medio». Kiom ofte oni asertas, ke la homo estas viktimo del medio lin ĉirkaŭanta, kvankam, kiel pruvis la paroladinto, la medio estas kreita de la homo. S-ro Roig, lerta reganto de nia lingvo, sukcesis agrabligi pure esperantistan kunvenon.

La 16.an de la pasinta monato okazis la ekskurso organizita de la Esperantistaj Grupoj el Barcelona, Tarrasa kaj Sabadell al la pentrinda apuda vilaĝo Rubi, partoprenita de ĉirkaŭ 200 gesamideanoj. La ekskursantojn akceptis en la stacidomo la urbestro de Rubi, S-ro Mallofré kaj kelkaj urbokonsilantoj, kiuj akompanis ilin al la sidejo de la Societo «Centre Democrátic Republicá», en

kies spektaklosalonego parolis: S-ro Serrat komisiito en Barcelona por la gastigo al esperantistaj infanoj el Aŭstrujo; pri tiu ĉi nobla celo, ankaŭ parolis S-ro Chaler, el Tarrasa, kiu bone atentigis al la neesperantistoj pri la grava signifo de Esperanto en la homa vivo, kaj S-ro Rocamora faris resuman paroladon kaj kuraĝigis la Rubí'anojn por la refondo de la tiea Esperantista Grupo. Poste la prezidanto de la dirita Societo, Estrada dankis la paroladintojn kaj la ĉeestantojn, esprimis sian admiron pri la laboro de la esperantistoj kaj sian deziron, ke la esperanta movado en Rubí reprenu denove sian antaŭenpaŝon. Ĉiuj oratoroj estis varme aplaŭdataj de la multenombra ĉeestantaro, kiu plenigis la grandan salonon. La ekskursantoj iris poste viziti la grauan Lernejon Ribas, unu el la plej belaj kaj modernaj el Hispanujo, kaj, farinte promenadon tra la belaj ĉirkaŭaĵoj de Rubí, ili revenis hejmen ravitaj de tiu bela kaj sukcesplena ekskurso kaj tre dankaj al la Rubí'aj urbestraro kaj loĝantaro pro la kora akcepto ricevita.

La 17.an de Majo estis inaŭgurata Esperanta Kurso en la Societo Paco kaj Amo, gvidata de S-ro Jozefo Roig; ĉirkaŭ 50 gelernantoj enskribiĝas. Ni deziras plenan sukceson al tiu ĉi kurso.

La 22.an de Majo okazis inaŭguracio de Esperanta Orfeono «La Espero» ĉe la Societo «Niu Artístic» en Gracia, kies prezidanto estas S-ro Alfredo Picoret. S-ro Rafaelo Castellví prezentis la novefonditan ĥoran societon al la ĉeestantaro; S-ro Crespo faris paroladon por pruvi kiel Esperanto, kies enkonduko postulas tiom da laboro, fine fariĝos nepra neceso de la homaro; S-ro Serrat parolis pri la klopodoj farataj de la barcelonaj esperantistoj por gastigi aŭstriajn infanojn; S-ro Grau parolis pri la muzikarto kaj Esperanto, kaj S-ro Rocamora priparolis pri la Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj. Nenecese diri, ke ĉiuj oratororoj dediĉis varmajn frazojn de saluto kaj bondeziro al la ĵus ĥoristaro. Fine S-ro Alabert kantis kantojn el sia repertuaro, kaj la ĥoro, sub la lerta direkto de profesorino Palmira Castellví, kantis tre bone, inter aliaj, La Enpero'n kaj La Vojo'n, de nia Majstro. Entute la festo estis tre sukcesa, kaj postlasos agrablan rememoron al la ĉeestintoj.

La 25.an de Majo okazis la ekzamenado de la fino de la Universitata Kurso de Esperanto, jaro 1920.a, gvidata de Pastro Klaŭdjo Planell. Malgraŭ la mallongeco de tiu ĉi kurso, ĉar ĝi komencis en la 19.a de la pasinta Januaro (kun ĉirkaŭ 50 gelernantoj, la ekzamenoj estis tre sukcesaj kaj iii pruvis, ke la gestudantoj fariĝis kapablaj pri Espeanto kaj precipe pri gramatiko, taŭgante kiel kona preparo por la venonta Universitata Kurso de Esperanto 1920-1921, por kiu oni esperas ankoraŭ pli grandan triumfon.

La 27.an de Majo havis lokon ĉe Racionala Ateneo Libereco kaj Kulturo, okaze de la inaŭguracio de Esperanta Kurso, bela kaj sukcesplena parolado de S-ro Jaime Vilaseca pri la temo «Bezono de Esperanto kiel Internacia Lingvo».

La 29.an de Majo okazis en la oficejo de «Udkeilo», str. Pelayo, 42 (sidejo de International Sporting Club) kunveno por pritrakti pri la gastigo de esperantistaj infanoj el Aŭstrujo, ĉeestata de la Konsulo de tiu lando en Barcelono. Oni nomis komitaton konsistantan el S-ro Jozefo Serrat kaj el Prezidantoj de diversaj Barcelonoj Esperantistaj Grupoj. Tiu ĉi Komitato jam sukcesis altiri al si la favoran atenton de Barcelona Gazetaro, kaj baldaŭ aperos sur la ĉi tieaj ĵurnaloj alvoko al la Barcelonanoj pri la dirita homama celo. por la bono de Esperanto kaj de Homaramo, ni deziras plenan sukceson al la ĵus fondita Komitato.

La 29.an de Majo okazis ĉe la Societo Paco kaj Amo interesa parolado de S-ro Jozefo Roig pri «Esperanto kaj naciecoj».

**Jerez de la Frontera.**—La ĉi tiea Grupo sin turnis al la laboristaj societoj de Jerez petante helpon monan por plej bona propagando kaj sindoneme la societoj jenaj: Sindikato pri nutraĵoj, Meblistoj, Lignaĵistoj, Masonistoj, Vinlaboristoj, Portistoj, Kelne-

roj kaj Ŝuistoj, kaj promesis daŭrigi la helpon. Ĝis nun la Grupo atingis 85 pesetojn.

La Grupo aranĝos esperantan Ekspozicion je proksima Septembro celante propagandi inter laboristoj kaj komercistoj; tial helpu la Grupon per ĉiaj esperantaĵoj.

La grava firmo Martínez Naranjo fabrikistoj kaj eksportistoj je vinoj kaj konjakoj vendas jerezan vinon bonodorantan kaj alian kiujn la firmo alnomis «Zamenhof». Ambaŭ jerezaj vinoj estas specialaj.

---



---

# BIBLIOGRAFIO

MIMI estas belega kaj interesa rakonto pri la vivo ĉe la latina kvartalo de Parizo dum la milito. Originale verkis angle J. U. Giesy kaj tre bone tradukis esperante Edward S. Payson (prezidanto de la Esp. Asocio de Norda Ameriko). La formato estas 12 × 18, kaj havas la teksto 53 paĝojn.

La rakonto, per belaj scenoj, priskribas kiel la sentoj pri patrujo kaj religio renaskiĝas ĉe la koroj de la francoj; kiel la malsuperaj klasoj de Francujo, kontraŭ la danĝero, sin sentas kaptitaj de sentoj ĝis tiam nekonataj kaj nekomprenataj de ili, kaj pentinte, fariĝas laboremaj, ĉastaj, honoraj kaj eĉ herooj.

La rimarkindan verkon eldonis la Brita Esp. Asocio (17, Hart, Street, W. C. 1 – London) kaj la prezo estas UNU ŜILINGO (SES respondkuponoj).

Ni rekomendas al la Esperantistoj la verkon tial ke ĝi prezentas simplan stilon bonan, kaj estas plena je ĉarmo kaj intereso konstanta.

---

# Gazetoj ricevitaj

«Esperanto» de U. E. A. de marto kaj aprilo.

«Shookokumin Shimbun» (Osaka) de januaro.

«Bulteno de Kataluna Esp. Federacio» de nov-decembro.

«Esperanto Finnlando» de marto.

«The British Esperantist» de marto kaj aprilo.

«Franca Esperantisto» (2.a Serio) de aprilo.

«Le Travailleur Esperantiste» (Esperantista-Laboristo) de marto kaj aprilo.

«La Esperantisto» de marto.

«O Socialista» de marto, aprilo kaj 1.a de Majo.

«La Revuo Orienta» de januaro kaj februaro

«Internacia Komerca Revuo» (Zürich) de februaro.

«Brazila Esperanlisto» de oktob-decembro.

«La Unuigita Tuthomaro» de marto kaj aprilo.

«Espero Katolika» de januaro-februaro.

«Svisa Espero» de marto.

«La Espero» (Svedujo) de marto.

«Verda Ombro» (Bulteno monata de Formosa, maŝinskribita) de januaro.

«Esperanto Itala Revuo» de januaro.

«Hungara Esperantisto» de aprilo.

«Nova Tempo» de februaro-marto.

«La Progreso» dua numero.

«Esperanto» (Argentina) de januaro kaj februaro-marto.

«Argentina Esperantisto» de januaro.

«Le Chrétien libre» de januaro.

«Le Monde Esperantiste» de marto-aprilo.

«Literaturo» de jan-marto.

«La Eklezia revuo» de februaro.

«Bulteno de Aplec Esp. Grupo» (Sabadell) de marto kaj aprilo.

«Nederlanda Katoliko» de marto kaj aprilo.

«Amerika Esperantisto» de decembro kaj jan-februaro.

Oni petas por ĉi tiu revuo raportetmon ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn,*** Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.º 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.



## ZAMENHOFA FEDERACIO

Celas unuigi Esperantistojn kaj progresigi Esperanton, kaj por ĉi tio eldonas oficialan organon,

# Hispana Esperantisto

ILUSTRITA REVUO MONATA

kiun ricevos senpage *Protektantaj Zamenhofanoj* kaj *Protektantoj*, kiel esperantaĵojn aliajn laŭ eble. Por efektivigi la celon, Hispanaj Protektantaj Zamenhofanoj pagas *kvar pesetojn*, jare; fremdaj Protektantaj Zamenhofanoj, *du spesmilojn* jare. *Protektantoj* estas Esperantistoj hispanaj aŭ fremdaj: kiuj, pro cirkonstancoj, ne volas akcepti la nomon *Zamenhofano*, kaj pagas, la hispanaj, *kvin pesetojn;* la fremdaj, *du Sm.* 400 s. Sendu kotizaĵojn poŝtmandate aŭ respondkupone.

Estas kolektoj de la jaroj 1917 kaj 1918.

Sendu la kotizaĵojn, originalojn, revuojn, kaj ĉion pri Esperanto al ***S-ro Julio Mangada Rosenörn,*** *Komandanto de la Infanteria Regimento «Galicia» 19,* ***Jaca (Huesca) Hispanujo.***

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S. Esvertit.—Vendrell (Tarrogona), Hispanujo.—Deziras korespondadi kun gesamideanoj precipe kun siaj antikvaj gekorespendantoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanujo).—Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

Gerardo Fernández Pérez.—Deziras korespondadi kun esperantistaj tajloroj pri vesttondarto. Str. Cabestreros, 3, 2.°. Madrid (Hispanujo).

---

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanujo), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

S-ro Sidonio Pintado, Bailén, 28, Grupo Escolar. Madrid (Hispanujo). Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj procedoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava ĵurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.

---

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

---

Fidel Oltra, fotografisto, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi fotografaĵojn pri monumentoj, prin arĥeologiaj antikvaĵoj kaj artaj vidindaĵoj el ĉiuj landoj.

---

Miguel Ribas de Pina, Komandanto de la 10.ª Regimento Artileria, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi hispanajn ilustritajn gazetojn kontraŭ revuoj (nur ilustritaj) aŭ jam legitaj libroj en Esperanta, Franca, Itala kaj Portugala lingvoj.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanujo) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

S-ro Johano Serra, strato Cervantes, 8. *Tarrasa* (Hispanujo).—Deziras interŝanĝi leterojn aŭ poŝtkartojn kun geesperantistoj el ĉiuj landoj.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid